# PENSEO

N-ro 146

Dec./2003

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 13-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm


## Dediĉe al Bakin, Centjara Esperantisto



Centjara Bakin

Ĉijare, nia kara Bakin, verkisto kaj esperantisto atingis la aĝon de cent jaroj. Nia redakcio esprimas al li nian varmkoran gratulon kaj deziras al li aliajn cent jarojn!

Bakin (ĉina: Ba Jin) naskiĝis je la 25-a de novembro, 1904. li estas fama verkisto kaj veterana esperantisto en Ĉinio. En 1927—1928 li verkis sian unuan romanon "Pereo" en Parizo. Inter liaj verkoj troviĝas ankaŭ "Trilogio de Amo", :Trilogio de Torento", "Aŭtuno en la Printempo", "Frosta Nokto" kaj multaj noveloj kaj tradukaĵoj el fremdaj literaturoj. Dum 1958—1962 estis eldonitaj en Beijing jam 14 volumoj de la "Kolekto de Verkoj de Ba Jin". Lia romano "La familio" estas tre populara en Ĉinio, jam tradukita kaj eldonita en pluraj lingvoj, inkluzive Esperantan tradukitan de Vejdo, kaj ankaŭ surekranigita dufoje.

Kiel esperantisto li tradukis kaj rekomendis al ĉinaj legantoj mallongan romanon "Printempo en la Aŭtuno" de Julio Baghy, kaj inversigis la titolon por nomi sian propran romanon pri amhistorio de juna paro ("Aŭtuno en la Printempo" jam esperantigita de Laŭlum), kiun oni rigardis kiel fratinan verkon de tiu de Baghy.

Nun li estas vicprezidanto de la Asocio de Ĉinaj Verkistoj kaj ankaŭ honora prezidanto de Ĉina Esperanto-Ligo.

Por celebri la centjaran jubileon de Bakin, ni dediĉas ĉi tiun numeron al li per aperigo de liaj eseoj.

Redaktoro Vejdo

## Postskribo de *La Familio*

Bakin

Kun granda ĝojo mi sciiĝas, ke samideano Wei Yida (Vejdo) esperantigis mian romanon *La Familio*. Dum la 30-aj jaroj, mi esperis, ke naskiĝos Esperanta versio de unu el miaj romanoj, kaj mi eĉ intencis fari tradukadan provon persone, ĉar tiam mi ofte kontaktis kun Esperantaĵoj kaj havis relative multajn ŝancojn uzi Esperanton. Sed pro tio, ke mi ne povis elmeti rigoran postulon al mi mem kaj hezitis fari decidon, timante, ke mi ne povus fini la tradukadon, post kiam mi komencos tion fari. Mi prokrastis la aferon tagon post tago kaj ĉesis konsideri pri traduko de miaj verkoj kiam mia nivelo de Esperanto malboniĝis pro mia malofta kontakto kun Esperanto.

Pasis pli ol kvardek jaroj, dum kiuj mi travivis la ok jaran Kontraŭjapanan Rezistmiliton kaj dek-jaran "Kulturan

Revolucion", sed mia korinklino al Esperanto neniam malpliiĝis. Mi sentas min ekscitita pro la disvolviĝo de la Esperanto-movado dum lastaj kvardek jaroj. Kaj ankaŭ mia deziro ne nuliĝis, ĉar tion, kion mi volis fari sed ne povis, samideano Wei Yida anstatŭ mi sukcesis plenumi, kaj plie plenumi tre bone. Li faris la tradukadon ne laŭ la mallongigita anglalingva eldono, sed laŭ la ĉinlingva originalo reviziita de mi en 1957 (reeldonita en 1977). Mi esperas, ke iutage eldoniĝos kompleta anglalingva versio de la verko, ĉar mi ne ŝatas la tradukon kun ĉapitroj fortranĉitaj el la originala verko.

*La Familio* ne estas aŭtobiografia romano, sed mi registris en ĝi kelkajn verajn okazintaĵojn. Kvankam en Ĉinio, ŝajne neniiĝis la feŭdaj familioj kun kvar generacioj sub la sama tegmento kia estis la familio Gao, la veneno de la feŭda socio tamen ankoraŭ restas kvazaŭ malpura akvo stagna ĉe la korta murangulo, kiun ni povas tute forigi nur per niaj senlaca penado kaj necedema luktado. Dum iu periodo, eĉ mi mem misopiniis, ke miaj romanoj jam "fortempiĝis", sed ĝis hodiaŭ mi ankoraŭ sentas la nerompeblan kaj mil-kanalan ligitecon al mia antaŭa feŭda familio. Kia teruraĵo! Kaj mi ekkomprenas, ke miaj romanoj ne "fortempiĝis".

Kompreneble, ili "fortempiĝos" iutage en la estonteco, kiam tiu malpura akvo estos plene forigita. La nova socio tamen senescepte konstruiĝas sur la malnova. Se ni volas koni la hodiaŭajn homojn, ni ne devas forgesi la hierawajn okazaĵojn, ĉar ni venis el la hieraŭo. Por mi, *La Familio* ankoraŭ restas alarmilo, orelŝire sonoranta alarmilo!

La 24-an de septembro, 1982

elĉinigis Vejdo

## Maksimoj de Bakin

Vivo troviĝas en sindono. En mia koro mi kovas deziron, kiun neniu scias, ke ĉiu havu sian loĝejon, sufiĉan manĝaĵon kaj varmigitan koron, kaj ke mi forviŝu ĉies larmojn kaj ne lasu neniun eltiri alies unu haron.

** **

Mi ne estas literaturisto. Mi verkas ne pro tio, ke mi havas talenton, sed pro tio, ke mi havas sentojn por miaj popolo kaj nacio, kaj senliman amon, kiun mi esprimas pere de miaj verkoj. Se miaj verkoj alportas varmon al legantoj, mi kontentiĝas plene.

** **

Sur la grundo de mia hejmloko kaj la tero de mia patrolando, mi volas ricevi sunradiojn kaj pluv-rosojn kaj kreski kune kun floroj, arboj kaj plantidoj. Mia ununura deziro estas: fariĝi grundo kaj kuŝi en la varmetaj piedsignoj de popolanoj.

** **

Mi ĉasis lumon, amon en la mondo kaj la heroojn en mia revo, sed mi rikoltis nur amaron. Tamen mi neniam pentas, anstataŭe mi iras mian vojon kun ankoraŭ pli granda kuraĝo.

elĉinigis **Saŭkio**

## Sunleviĝo sur la Maro

**Bakin**

Por spekti sunleviĝon, mi ofte ellitiĝis frue. Tiun tagon ankoraŭ ne plene tagiĝis. Regis absoluta kvieto. Aŭdiĝis nur bruo de la ŝipo. La ĉielo prezentis la koloron de tre, tre pale bluo. Jen ĉe la horizonto, en palpebrumo ekaperis streko da matenruĝo, kiu malrapide larĝiĝis. Do mi direktis mian fiksitan rigardon tien.

Vere post momenteto videblis malgranda duona vizaĝo de la suno, ja ruĝa, sed sen radianta lumo. Kvazaŭ kun peza ŝarĝo, ĝi penis leviĝi paŝon post paŝo malrapide, kaj fine, ĝi puŝiĝis tra nuboj kaj elsaltis el la mara surfaco, kun aminda ruĝ-koloro. en tempeto, la malhela ruĝa rondaĵo abrupte sendis okulfrapan brilon, kiu dolore pikis la okulojn. Tuj la nubpecoj ĉirkaŭ ĝi varias per kolora

lumo.

Kelkfoje la suno iris en nubaron kaj ĝiaj radioj sin pafis malsupren tra nuboj kaj sin direktis al la akva surfaco. Tiukaze estis ne facile distingi la akvon disde la ĉielo, ĉar nur brila lumo okupis mian vidon.

Kelkfoje amasiĝis grizaj nuboj, tre dikaj, kaj oni ne povis vidi la elirantan sunon. Tamen ties radianta lumo, tra la peza sieĝo de grizaj nuboj, borderis orkolore la nubpecojn. Kaj pli poste, ĝi traboris la pezan sieĝon malrapide kaj ekaperis sur la ĉielo, farbante la grizajn nubojn purpure aŭ skarlate. Tiam tio, kio brilas, estis ne nur la suno, la nuboj kaj la marakvo, sed ankaŭ mi mem fariĝis brila.

Ĉu tio ne estas granda spektaklo?

jan. de 1927

tradukis **Hongjia**

## Steloj

**Bakin**

Mi ŝatas lunan nokton, ankaŭ la ĉielon punktitan per steloj. Antaŭe, kiam mi ĝuis, en la korto, refreŝigan malvarmeton en juliaj kaj aŭgustaj noktoj, mi tre ŝatis pririgardi la dense diŝutitajn stelojn sur la ĉielo. Kun fiksita rigardo al la ĉielo, mi emis forgesi ĉion, kvazaŭ mi revenus al la sino de la patrino.

Mia loĝejo en Nankino, kie mi vivis antaŭ tri jaroj, havis malantaŭan pordon. Ĉiunokte, kiam mi ĝin malfermis, mi vidis kvietan nokton. Malsupre estis legoma ĝardeno, dum supre pendis la malhele blua ĉielo dense punktita per steloj. Kvankam stela lumo aspektis febla, ni tamen havigis al ni la senton, ke lumo ekzistas ĉie. Tiutempe mi estis leganta libroj pri astronomio, kaj mi sciis pri kelkaj steloj. Ŝajnis, ke ili ofte interparolas kun mi, kiel miaj amikoj.

Kaj nun sur la maro, ĉiunokte mi rigardis stelojn vizaĝ-al-vizaĝe, kaj mi jam konatiĝis bone kun ili. Dorse kuŝante sur la ferdeko, mi direktis mian rigardon al la ĉielo, sur kiu flosis sennombraj steloj jen brilantaj jen mallumantaj. La ŝipo moviĝis, ankaŭ la steloj. Ili troviĝis tiel malalte, ke mi sentis, ke ili vere estus falontaj ĉe moveto.

Mia vido fariĝis malklaraj iom post iom. Mi ŝajnis vidi sennombrajn lampirojn, kiuj ronde flugis ĉirkaŭ mi. La nokto sur la maro estis milda, kvieta kaj sonĝsimila. Rigardante tiujn konatajn stelojn, mi sentis, ke ili ŝajnas palpebrumi al mi kaj mi aŭdis ilian flustron. Ĉion mi forgesis tiumomente. En la sino de steloj mi profunde dormadis kun rideto. Mi sentis, ke mi, kiel bebo, dormas en la sino de la patrino.

Iun nokton, la brito, kiu enŝipiĝis ĉe Kolombo, montris al mi la Koloson sur la ĉielo. Fingre montrante, li eksplikis: tiuj kvar brilaj steloj estas la kapo, la malsupraj kelkaj estas la korpo, tiuj kelkaj estas la manoj, tiuj aliaj estas la kruroj kaj piedoj, kaj aliaj tri konsistigas la zonon. Post lia klarigo, mi vere vidis la Koloson sur la ĉielo tre klare. Jen la Koloso estas kuranta!

jan. de 1927

tradukis **Wen Zhuan**

## La Suno

**Bakin**

Por akiri lumon kaj varmon, noktpapilio sin ĵetas al lampfajro kaj fine mortas sub la lampo aŭ sin dronas en lampoleo. Laŭdinda noktpapilio! Ĉe la fina momento, ĝi akiris kaj lumon kaj varmon.

Mi sopiras al Kuafu*, kiu soifas ĝis morto en la valo por kuratingi la suna ombro. Por akiri lumon kaj varmon, homoj preferas oferi sian vivon. Vivo estas aminda. Tamen malvarma kaj soleca vivo malpli indas ol impona kaj kortuŝiga morto.

Sen lumo kaj varmo, ĉu la homa rondo fariĝus maluma kaj malvarma mondo?

Se mi havigus al mi paron da flugiloj, mi preferus fariĝi noktpapilio de la homa mondo. Mi volus flugi al la varmega suna globo. Mi volontus — ĝuste ĉe la momento, kiam mi sentus fulmon de lumo antaŭ miaj okuloj kaj

atakon de varmego enkorpe — perdi mian konscion, kaj fariĝi nubo da fumo kaj amaseto da cindro.

*Kuafu: ĉina mitologia figuro

la 21-an de julio

elĉinigis **Liu Ying**

## Fariĝi la Batalanto

**Bajin**

Juna amiko letere demandis min, "Kia homo mi devas fariĝi?" Mia respondo estis, "Fariĝi la batalanto." Alia amiko demandis, "Kiel trakti la vivon?" Mi donis la saman respondon, "Fariĝi la batalanto."

La verkinto de *Odo al Batalantoj* skribis: kiam mi tangas en la seninterrompa, torenta diluvfluo de la vivo, mi devas ĝin kuratingi, eĉ antaŭigi, por krei pli vastan kaj pli profundan diluvfluon per mi mem.

Se mi estus lampo, ĝi devus esti uzata por lumigi tavolojn de mallumo; se mi estus tajdo, mi devus levi ondojn por forlavi ĉiujn putriĝintajn feĉojn ĉe la marbordo.

Tiuj vortoj estas konvena priskribo pri tio, kion la batalanto havas en la koro.

Tio, kion ĉi tiu epoko plej bezonas, estas la batalanto, kiu nenecese iras al la batalkampo armita per pafilo kaj kies armilo ankaŭ nenecese estas fusilo kaj kugloj. Lia armilo povas esti, scio, kredo kaj firma volo. Nenecesas, ke li devas fluigi la sangon de la malamiko, sed pli grandan certecon li havas por sendi la malamikon al morto.

La batalanto ĉiam sin turnas al lumo. Li neniel kuŝiĝas sub la suna ĉielo por ĝui sunradiojn, sed bruligas torĉon en malluma nokto por lumigi la vojon por popolanoj kaj konduki ilin al aŭroro. Dispeli mallumon, tio estas la tasko por la batalanto. Li neniel eviti mallumon, sed alfrontas al mallumo kaj luktas kontraŭ demonoj kaj diabloj kaŝitaj en mallumo. Li volas neniigi ilin por akiri lumon. Li ne konas kiel cedi al kompromiso nek ĉesas sian bataladon, se li ne akiras lumon.

Ĉiam juna, la batalanto ne hezitas nek ripozas. Li iris profunden en homamason por serĉi tiajn malutilaĵojn al la homaro. kiaj muŝoj kaj venenaj moskitoj. Li faras senĉesajn atakojn al tiuj aĉaĵoj, ne volante ekzisti kun ili sub la sama ĉielvolbo. Por la batalanto, vivo signifas senĉesan bataladon. Se li ne povas gajni lumon por sia ekzisto, li preferas morti kun la korpo plena je vundaj ĉikatroj. Dum batalado kreskas nur la forto kaj pli solidas la kredo ĉe li. Tio, kio montras la vojon al la batalanto dum batalado, estas "estonteco", kiu prezentas esperon kaj kuraĝigon. La batalanto neniel perdas la viglecon de juneco.

La batalanto konas nek malkuraĝon nek malesperon. Sur la rubo de malvenko, li eĉ rekonstruas la naŭ-etaĝan pagodon per rompitaj brikoj. Neniu batoj povas frakasi lian volon. Nur kiam li falas morte, li fermas siajn okulojn.

La batalanto ne konas malcedemon. Li havas firmajn paŝojn. Kiam li lokalizas la celon, li antaŭeniras sen ajna deflankiĝo. Li ne timas la faligan ŝtonon, kaj neniu obstaklo povas ŝanĝi lian penson. Falsaj fenomenoj ne povas konfuzi lian rigardon, kaj tio, kio regas lian agadon, estas lia kredo. Ĉiujn malfacilojn kaj suferojn li povas elteni por atingi la de li elektitan celon. Escepte de tio, ke li devas formorti, neniu povas igi lin forlasi lian laboron.

Jen ni nun bezonas tian batalanton. Li estas ordinara homo, nenecese kun superhoma kapablo. Ĉiu povas fariĝi la batalanto, se li havas decidemon por fari tion. Tial per la vortoj "fariĝi la batalanto" mi spronas tiujn junajn amikojn, kiuj ankoraŭ dronas en hezitemo kaj ĉagreno.

la 16-an de julio, 1938 Ŝanhajo

esperantigis **Yang Fang**

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

**Eldonas Redakcio de *Penseo***

**Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.**

**retadreso: vejdo@elerno.net**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_